

# INTERNACIA ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto - Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio, ORF, Poŝtfako 700, A-1041 WIEN, Aŭstrio.

Vicprezidantoj: Ivan Keremidĉiev - Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ.B, Bulgario.

Nikolaj Danovskij, Latvia SSR 226614 RIGA-14, ul.Ostrovskogo 4-4, USSR.

Tadros Megalli, D-8387 ROSENBACH, Untergrabandorf, FRG.

Ĝenerala sekretario - Donĉo Ĥitrov, 1000 SOFIA, ul.Ĥan Asparuĥ 61, Bulgario.

Sekretario-kasisto por la okcidentaj landoj - D-ro Dino Fabris, Borgo Bossano 5, CITADELLA (Padova), Italio.

Membro de la estraro - Olaf Thormodsen, Box 59, 595501 HAUGESUND, Norvegio.

Red. "INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro - Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 SOFIA, kv.Borovo, bl.219, vĥ.B, Bulgario; tel. 56-58-77

Redaktoroj: Nikola Aleksiev, Donĉo Ĥitrov

Teknika aranĝo: Veneta Baleva, Evgeni Georgiev

Administranto: Verka Ŝtajner

ENHAVO DE N-RO 3 - 1985



Sur la unua kovrilpaĝo: Vidaĵo el Aŭgsburgo - la kongresurbo de la 70-a UK de Esperanto

---

Karaj TEĴA- kaj ILEF-anoj! Por pli riĉenhava kaj interesa "INTERNACIA ĴURNALISTO" aktive kunlaboru per diversspecaj ĵurnalismaj materialoj. Ni atendas viajn kontribuaĵojn. Antaŭdankon!



## VIGLA ĴURNALISTA AKTIVADO DUM LA 70-a UK DE ESPERANTO EN AŬGSBURGO

Aúgsburgo, la kongresurbo de la 70-a UK de Esperanto, renkontis nin solene ornamita - ĉie videblis florgirlandoj kaj trikoloraj flagoj: la urbo celebris la 2000-jaran jubileon de sia fondiĝo far la romia imperiestro Augustus.

La antikva romia fortikejo jam de jarcentoj estas transformita en centron de disvolviĝinta industrio. Teksfabrikoj, paperproduktejoj, bierfarejoj, la famaj "MAN"-uzinoj por produktado de dizel-motoroj (laú la nomo de ilia inventinto inĝ. Rudolf Diesel)... Tria laú grandeco urbo en Bavario, kun pli ol 230 000 loĝantoj, Aúgsburgo famiĝas ankaú per sia kulturhistorio: en ĝi naskiĝis, vivis kaj kreadis la pentristo Hans Holbein, la komponisto Leopold Mozart (patro de Wolfgang Amadeus), la fama verkisto-kontraúfasisto Bertolt Brecht k.a. En la urbo estas multaj universitatoj kaj altlernejoj, en kiuj studas ankaú pluraj eksterlandanoj.

Ni piediris laú la malnova Maksimilian-strato (iama "Via Claudia) kaj ĝuis la belecon de la diverskoloraj domoj kun tipe bavara arkitekturo. Ni preterpasis la imponan urbodomon kaj la vastan urboplacon, sur kiu staras fontano kun la staturo de imperiestro Augustus. Super ni solene sonoradis la sonorilegoj de preĝejoj kaj horloĝoj - ja estis dimanĉo, la 4-an de aúgusto: la solena inaúguro de la 70-a UK koincidis feliĉe kun la urba festo!...

En la kongresejo (la sporthalo de la kongresa komplekso en la belega parko Wittelsbacher apud artefarita lageto, malantaú kiu levigas la plej alta en Europo 35-etaĝa turohotelo "Holiday Inn") apenaú disponigis lokojn al pli ol 2300 kongresanoj el 58 landoj!

Salutante la ĉeestantojn, la urbestro de Augsburgo Hans Breuer ŝerce rimarkis, ke li "estas la sola persono en la salonego, kiu bezonis interpre

tiston"... ĉar denove regis la ĉarma internacia amika etoso de interkompreniĝo per unu sola lingvo - Esperanto!...

La amaskomunikiloj de FRG respegulis la solenan malfermon de la 70-a UK de Esperanto: la Televido en Munkeno dediĉis specialan programon, la gazeto lo- "Augsburger Allgemeine" ĉiutage aperigadis informojn pri diversaj kongresaj aranĝoj kaj la kongresanoj havis apartan plezuron legi la ĉiutagan kongresan kurieron "La Strobilo", eldonatan de la Kongresa Gazetara Servo, gvidata de s-ino Bormann. Redakcia stabo, ĉekape kun la ĉefredaktoro de revuo "Monato" Stefan Maul preparis la materialojn por la kongresgazeto "La Strobilo" kaj zorgis pri ĝia regula presado kaj aperado en la kongresejo. Multaj fremdlandaj ĵurnalistoj kunlaboradis al la kongresa kuriero kaj al KGS. Oni povis vidi ilin dum apartaj kunvenoj kun insingno "presse" surbruste.

Dum la kunsido de la Internacia Jubilea Komitato, gvidata de s-ro Maertens, prezidanto de UEA, la ĝenerala sekretario de TEĴA Donĉo Ĥitrov raportis pri la agado de la internacia ĵurnalista E-organizaĵo kaj de ILEF lige kun la preparlaboroj antaŭ la jubileo. La informo estis afable akceptita.

## ĴURNALISTOJ KAJ FILMISTOJ KUNSIDAS KUNE

La 6-an de aŭgusto je la 14a horo en salono "Hermann" okazis la jarkunvenoj de TEĴA kaj ILEF. Multaj anticipaj anoncoj metitaj diversloke en la vestibloj de la kongresejo alvokis ĵurnalistojn kaj filmistojn partopreni la kunvenon. La rezulto estis bonega: ĉeestis pli ol 50 kongresanoj, inter kiuj ĉefredaktoroj de E-eldonaĵoj, kiel ekzemple: Stefan Maul ("Monato"), Tyburciusz Tyblewski ("Pola Esperantisto") Draguŝko Petrov ("Interligilo"), Ŝterju Kukuŝev("Internacia agrabulteno"), Mitrofan Velev ("Botevgradski Plamâk") k.a.

En la prezidantaro de la kunveno estis Walter Haberl, prezidanto de TEĴA, ĉefredaktoro de "La Socialisto" (Aŭstrio), Tadros Megalli, vicprezidanto de TEĴA (Egiptio), Donĉo Ĥitrov, ĝenerala sekretario de TEĴA kaj prezidanto de ILEF (Bulgario), Olaf Thormodsen, estrarano(Nor-



Jarkunveno de TEĴA. Parolas W. Haberl(Aŭstrio)

vegio), Veneta Baleva kaj Evgeni Georgiev, redakcianoj de "Internacia Ĵurnalisto" (Bulgario).

S-ro Walter Haberl korvarme bonvenigis la ĉeestantojn kaj esprimis sian profundan kontentigon pro la montrita intereso al la kunveno. Li klarigis sian ĝisnunan iom pli longan silenton pro sia ne tre bona sanstato kaj kredigis la ĵurnalistojn, ke estonte li agos pli aktive por TEĴA.

Donĉo Ĥitrov faris detalan raporton pri la agado de TEĴA kaj ILEF dum la periodo 1983-1985.

"Ni sukcesis - li diris - prepari detalan nomaron de nia membraro, al kiuj ni jam regule sendadas la revuon "Internacia Ĵurnalisto". Tiamaniere ni subtenas kontakton kun niaj gekolegój kaj informas ilin pri nia aktivado. Aliflanke ni plibonigis la aspekton de la revuo: ĝi jam havas specialan kovrilon, plinombriĝis la paĝoj (jam 24) kaj pliboniĝis la enhavo. Tio ja estas kuraĝiga paŝo, sed ni ne ĉesos klopodi pri pli bonkvalita papero kaj maniero de presado, kio fakte estas realigebla dank' al la favora subteno de Bulgara Esperantista Asocio. Ĝojiga fakto estas, ke jam pli kaj pli da novaj membroj de TEĴA kaj ILEF kontribuas al la revuo per propraj materialoj, kio multe variigas la enhavon. La ĉi-jara n-ro 2 de "I.Ĵ." estis numero de junaj ĵurnalistoj, kiuj eĥis al la invito pri sendado de propraj materialoj. La redakcio dankas siajn penojn por altiro al aktiva kunlaborado de pliaj novaj kunlaborantoj al "I.Ĵ.". Gravan kontribuon por la eldonado de nia asocia organo havas ĝia ĉefredaktoro Ivan Keremidĉiev, kiu bedaŭrinde ne sukcesis partopreni la kongreson."

D.Ĥitrov informis la ĉeestantojn pri la ideo, lanĉita de la prezidanto de UEA s-ro Maertens, pri kreo de siaspeca Internacia

Inform-Agentejo ĉe UEA, unuiĝinta la aktivadon de Internacia Gazetara Servo ĉe UEA, Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA) kaj de Internacia Ligo de Foto-Kino-Magnetofon-Amatoroj (ILEF), samkiel iujn redakciojn kaj informservojn ĉe landaj E-asocioj por havigo al la esperantista kaj neesperantista gazetaro profesie verkitajn artikolojn, fotojn kaj aliajn materialojn pri kaj por Esperanto. Samtiel li atentigis la ĉeestantojn pri la tri ĉefaj temoj, kiujn TEĴA traktas tutmonde: profesiajn problemojn, protektado de la naturmedio kaj konservo de la monda paco. Tiu ja estas la ĉefa temo akso de nia ĵurnalista esperantista aktivado, de kiu ni ne devas deflankiĝi.

Post la farita raporto salutparolis s-roj Olaf Thormodsen, antaŭa prezidanto de TEĴA, kaj Tadros Megalli, kiuj bonvenigis la gekolegojn kaj esprimis ankaŭ sian kontentigon pro la aktiva partopreno en la jarkunvenoj.

Interesa kaj vigla estis la diskutado de la starigitaj problemoj flanke de la ĉeestantaj ĵurnalistoj. Multaj novaj proponoj rilate la ideon pri la organizado de Internacia Inform-Agentejo estis faritaj. Evidentiĝis la akra neceso de simila kunordiga centro de la ĵurnalista krea laboro, por ke ĝi estu celkonforma kaj utila al la E-agado en monda skalo.

## FILMO PRI LA 100-JARA JUBILEO DE ESPERANTO

Kun granda intereso oni akceptis la informon, ke la Estraro de UEA komisiis oficiale Donĉo Ĥitrov, prezidanton de ILEF, Roman Dobrzynski, filmreĝisoron (Pollando) kaj d-ron Ulrich Lins (FRG) prepari 16-milimetran koloran dokumentan filmon sub provizora titolo "Kio vi estas, Esperanto?" por la 100-jara jubileo de Esperanto en 1987. Tiu ĉi tasko estas grava rekono pri la aŭtoritato de niaj unuiĝintaj organizaĵoj TEĴA kaj ILEF.

La filmo estos destinita al vasta monda aŭditorio kaj devas krei ĉe la spektantaro favoran rilaton al Esperanto kaj ĝia jubileo.

Ĉiuj, kiuj posedas filmo- kaj fotomaterialojn pri Esperanto-kongresoj (universalaj kaj landaj) estas petataj sin anonci al la Centra Oficejo de ILEF - Bulgario, Sofio - 1303, bul. Ĥristo Botev 97, kaj disponigi la materialojn por helpi la preparon de la filmo. Post koncerna uzado, la materialoj estos resenditaj.

Al niaj kolegoj ni bondeziras plenan sukceson en realigo de tiu nobla tasko!

## ELEKTITA ESTAS NOVA SEKRETARIINO DE ILEF

Laŭ propono de Donĉo Ĥitrov, prezidanto de ILEF, estis unuanime elektita far la ĉeestantoj en la jarkunveno de TEĴA-ILEF, nova sekretariino de ILEF fraŭlino VENETA BALEVA (Bulgario), aktiva juna E-ĵurnalistino, redaktorino en revuo "Paco" kaj kunlaborantino de revuo "Internacia Ĵurnalisto". La ĝisnuna sekretariino de ILEF fraŭlino Ĵorĵeta Zdraveva, pro longdaŭra foresto de la lando, ne sukcesis utile kunlabori al ILEF kaj fakte mem eksiĝis. Pro ĉio ĝis nun farita de ŝi la Estraro de ILEF esprimas sian dankon. Al la nova sekretariino de ILEF ni bondeziras utilan, fruktodonan laboron!

Radi BANĈEVSKI

---

## SAKSA KURIERO

**Ekde la komenco de 1985 en distrikto Leipzig (GDR) aperas revueto "SAKSA KURIERO". Ĝi devenas de bulteno "Esperanta-Informilo", kiu ŝanĝis sian titolon.**

**La amplekso de la dumonata revueto estas 8 paĝoj. Ĝi estas moderne aranĝita, bone kompostita pere de fotokompostilo, bonaspekte presita kaj facile legebla.**

**"SK" entenas pri-, per- kaj poresperantajn problemojn el la nacia kaj internacia agadkampoj. Ĝi aperas tutplene en Esperanto. "SK" ne estas privarbada rimedo, sed eldonaĵo ene de la tuta esperantistaro de GDR.**

**La revueto havas jenajn konstantajn rubrikojn: "Novaĵoj el Esperantio", "Inter ni dirite", "El la historio de Esperanto", "Ni recenzas", "Fake", "Aranĝoj", "Koresponddeziroj" k.a.**

**La redakta teamo konsistas el tripersona komitato. Adreso: Joachim Schulze kaj Sabine Schulze-Hingst, GDR-7060 Leipzig, Ringstraße 71. GDR.**

---

GRATULON al niaj jubileuloj:

- Jordan Kalinov el Ruse(Bulgario) pro lia 70-jariĝo. **Junece kaj aktive li kunlaboras al amaskomunikiloj bulgaraj kaj eksterlandaj.**
- Oskar Stolberg el Leipzig(GDR) okaze de 80-a naskiĝtago.

**La redakcio de "IĴ" bondeziras al la jubileuloj fortikan sanon kaj viglan laborkapablecon en la ĵurnalista agado.**

EL LA LETERO

de kolego B.Golden al la ĉefredaktoro de "I.Ĵ."

".....Ĉi-kune mi sendas la manuskripton de mia eseo " 'Esperanto en Afrikon' - ĉu ankoraŭ unu fiasko?" Pri la unuflanka propagando rilate Esperanton en Afriko mi parte kulpigas la Esperantan gazetaron. Redaktoroj preferas publikigi nur pozitivajn, rozkolorajn informojn kaj strute kaŝas sin por ne vidi la malan bildon. La rezulto estas, ke mi malfacile povas aperigi miajn kritikojn pri fuŝaĵoj kaj mispaŝoj en la nuntempa Esperanto-movado. Kvankam oni plurfoje malkaŝe konfesas al mi, ke mi pravas, oni ne provas aŭ povas refuti miajn argumentojn, sed simple lasas miajn verkojn ŝimi en la tirkesto de la redakcio. Ĝuste tio okazis al la artikolo pri Esperanto en Afriko, kiun mi dufoje reviziis kaj ĝisdatigis, ĉar la temo estas aktuala. Mi scivolas, kiel la redakcio de „IĴ" traktos ĝin.

Kun sinceraj salutoj,

Bernard Golden".

"ESPERANTO EN AFRIKON" - Ĉu ankoraŭ unu fiasko?

En Heroldo de Esperanto (1984, n-ro 4-5 /1727-28/, pĝ.2) aperis artikolo titolita "Afrika respondo al skeptikuloj", sigle subskribita de HB (= Hans Bakker) kaj R.C. (= Renato Corsetti). Tiuj du fervoraj propagandistoj supozas, ke per nura mencio de la estiĝo de novaj kursoj, kluboj kaj lerniloj, estas eble konvinki skeptikulojn, ke Esperanto antaŭeniras en Afriko. Tute kontraŭe, se scivolemulo, interesiĝante pri la stato de Esperanto en Afriko, objektive ekzamenas la historion de klopodoj disvastigi tiun internacian lingvon inter la afrikanoj, kaj se li kolektas ĉiujn haveblajn faktojn kaj statistikojn, ne nur estos firme fortikigita lia skeptikeco, sed eĉ pli drasta rezulto estos plena seniluziiĝo pro la laŭtvoĉa fanfaronado kaj senbaza blufado. Atestaĵoj pri tiu situacio troviĝas en artikolo verkita de la sama Hans Bakker, titolita "Spertoj kun afrikaj korespondantoj" (Heroldo de Esperanto, 1985, n-ro 6 /1745/, pĝ. 1). Je la sojlo de la kvinjara "jubileo" de reintensiĝinta agado de UEA en Afriko, amaraj travivaĵoj bremsos la ekscesan entuziasmon de tiuj naivaj eŭropanoj, kiuj volas flirtigi la verdan standardon super la nigra kontinento. En tiu ĉi

artikolo mi provos montri, kiel estas distordita aŭ falsita (senrespondece aŭ intence) la vera bildo pri Esperanto en Afriko.

En 1982 estis cirkuligita anonco pri la starigo de nova fonduso nomata"Esperanto en Afrikon". Nu, la titolo ne estas tro originala. Jam dum jardekoj aŭdiĝis simila rekantaĵo, ĝistede ripetita fare de la propagandistoj celantaj persvadi diversajn organizaĵojn en la Esperanto-movado, ke agado estas entreprenenda por esperantigi afrikanojn. Eĉ iris al tiu fora kontinento kelkaj samideanoj plenaj de misiista fervoro por porti tien la mesaĝon pri la internacia lingvo de Zamenhof. Organizitaj provoj enkonduki Esperanton en Afrikon plej verŝajne komenciĝis en 1959 laŭ jena citaĵo el artikolo de Tibor Sekelj.

"Jam antaŭ kelkaj jaroj UEA eklaboris por disvastigi Esperanton en landoj, kie ĝi tute aŭ preskaŭ tute forestas. Tiucele fondiĝis APO - agado en proksima oriento - kies membroj dum la lastaj tri jaroj agadis en ... aziaj landoj...
Ĉi-jare APO malfermos al si novan laborkampon, tiun de Afriko. La unua paŝo estos Maroko. Kaj poste sekvos aliaj grandaj virgaj landoj." ("Al plia universaleco", Esperanto, oktobro 1959, pĝ. 161).

En 1962 Tibor Sekelj mem organizis vojaĝon tra Afriko sub la nomo "Karavano de Amikeco tra Afriko". Unu jardekon poste, Tamiko Kawakami, japanino loĝanta en Norvegio, sekvis la paŝojn de la jugoslavia esploristo. La lasta (certe ne la plej lasta) misiisto de la "verda vero" en Afriko estas la svislandano Serge Reverdin, alinomo "reĝo Parzival", kiu en 1977-1978 trabiciklis Saharon, portante Esperanton kaj aliaj doktrinojn al landoj en la norda kaj okcidenta Afriko. Tiuj vojaĝantoj parolis kun ordinaruloj kaj gravuloj en diversaj landoj kaj ili estis intervjuitaj de scivolaj gazetraportistoj. Veninte hejmen, ili optimisme informis, ke intereso pri Esperanto ekzistas ĉie en Afriko. Bedaŭrinde tiu intereso estis nur efemera kaj malaperis tuj, kiam la propagandisto foriris. Estas evidente, ke tiaj unuhomaj rapidaj traveturoj ne sufiĉis por planti enradikigeblajn semojn de Esperanto en la ankoraŭ neplugitan grundon de Afriko. Estas bezonata amaso da partoprenantoj, kiel la daŭrigo de la citaĵo de Tibor Sekelj akcentas.

"La prilaborinda grundo estas tiom vasta, ke la disponeblaj du-

tri volontuloj estas nur gutoj en la maro. Dekoj, por ne diri centoj da propagandistoj, instruistoj kaj organizantoj estus necesaj por la rapida progreso de Esperanto en Azio, Afriko kaj Ameriko. Mankas unuavice kapablaj kaj disponeblaj laborantoj. Tamen ili estus verŝajne troveblaj kaj prepareblaj iom post iom, se ni povus financi iliajn vojaĝojn kaj vivtenadon dum la laborperiodo".

Ankaŭ propagandaĵoj estis preparitaj por uzo en Afriko. Menciindas la broŝuro verkita de Tibor Sekelj , Komuna lingvo por Afriko, eldonita de UEA en 1962 en angla kaj franca versioj. Ĝi ne havis grandan debiton, ĉar laŭ la redaktoro de Esperanto, dekkvin jarojn poste ankoraŭ restis pli ol mil nedistribuitaj ekzempleroj En 1977 TEJO publikigis propagandan verkon titolitan Por la defendo de afrikaj kulturoj, tradukitan en la anglan kaj la francan. Laŭ la aŭtoro, Renato Corsetti, kelkaj ricevintoj reagis, sed ĝenerale ne estas eble raporti objektive pri la informefiko de la verko, ĉar ne estis planite dissendi grandan nombron. Alivorte,ne alvenis sufiĉe da informpetoj por eĉ mencii la nombron! Kiu volas scii, kial tiu publikaĵo fiaskis, legu mian detalan kritikon pri ĝi, "Esperanta mispropagando por Afriko", en La Kancerkliniko (1985, n-ro 33, pĝ. 16-17).

Estas evidente, ke unu el la bazaj eraroj en informado direktita al Afriko estas la uzo de la lingvoj de la antaŭaj kolonioj, la angla kaj la franca. Tiuj propagandistoj tute ne komprenas, ke se oni volas paroli kun afrikanoj por konvinki ilin pri io, oni devas paroli afriklingve, ne eŭroplingve. Estas vere, ke en 1979 la broŝuro de TEJO aperis ankaŭ en la svahila lingvo, sed spite de tio, membrostatistikoj de UEA ne montras pozitivajn rezultojn de tiu laŭdinda elpaŝo. Mi suspektas, ke la aĉa aspekto kaj la riproĉenda enhavo de tiu verko, jen tro blufema, jen tro politike tendenca, forpuŝis plurajn afrikanojn, precipe ne facile trompeblajn intelektulojn.

En mia artikolo "Ĉu Afriko bezonas Esperanton nun?" (Esperanto 1978, majo, pĝ. 84-94), mi komparis la staton de la afrika Esperanto-movado en la jaroj 1959, 1974 kaj 1977. Nun mi aldonos la jarojn 1980, 1984 kaj 1985 surbaze de donitaĵoj en la Jarlibroj de UEA kaj la revuo Esperanto.

| | 1959 | 1974 | 1977 | 1980 | 1984 | 1985 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Afrikaj landoj kun esperantistoj | 17 | 19 | 13 | 18 | 20 | 19 |
| Individuaj membroj de UEA | 97 | 62 | 56 | 45 | 62 | 67 |
| Lokoj kun delegitoj | 31 | 15 | 11 | 12 | 12 | 22 |
| Landaj asocioj | 1 | 5 | 3 | 4 | 4 | 2 |

Dum la du jardekoj de 1959 ĝis 1980 - ĝuste tiu periodo, kiam UEA lanĉis diversspecajn informkampanjojn - ne okazis iu ajn signifplena progreso de Esperanto en Afriko. Male, la tuta situacio odoras je stagnado kaj regreso! Dum la sekvaj kvar jaroj la tendenco daŭris , malgraŭ la enhavo de pluraj bombastaj artikoloj aperintaj en Esperanto kaj aliaj periodaĵoj. Ekzemple, 67 individuaj membroj de UEA en 19 landoj en 1985 signifas, ke krom Sudafriko kun 26 kaj Zairo kun 8, la aliaj landoj havas nur po 1, 2 aŭ 3 membrojn. Eĉ se oni aldonus la aligitajn membrojn en tiuj du landoj, 39 kaj 41 respektive, kaj ankaŭ la plenmanon da eksterorganizaj samideanoj kaj eĉ eks-esperantistojn, mi dubas, ke la sumo estos multe pli alta ol 150 homoj en la tuta kontinento. Oni ne trompu sin per la infaneca blufo sur pĝ. 15 de Jarlibro 1983, kie por prezenti pli imponan bildon de la situacio en Afriko, estas listigitaj 647 adresoj el 41 landoj. Adreso de informpetanto ne signifas esperantiston, do kion valoras tiu statistika donitaĵo? Same kritikinda estas la informo pri landaj asocioj. En 1984 estis nur du landaj asocioj aliĝintaj al UEA ( tiuj de Sudafriko kaj Zairo); la aliaj organizaĵoj menciitaj en la Jarlibro estas nur lokaj kluboj aŭ surpaperaj nomoj kaj adresoj. Ankaŭ kelkaj jaroj Renato Corsetti skribis jene pri la Malagasa D.R., en kiu estis unu landa asocio, iu instituto por la disvastigado de Esperanto kaj unu junulara organizaĵo, kies membrociferoj en la Jarlibro kaj Esperanto malakordas.

"... oni ĉefe pasigas la tempon per internaj kvereloj. Ne pasas jaro sen fondo kaj malfondo de almenaŭ du novaj, inter si rivalaj Esperanto-organizaĵoj." (Esperanto en la 'tria mondo'; faktoj kaj ŝancoj", "Hungara Vivo", 1981, n-ro 2, pĝ. 50).

Estas konkludende, ke Afriko ja estas malluma kontinento, kie ne

forte brilas la verda stelo.

Malgraŭ la fiaskoj de la pasinteco, oni ankoraŭ ne volas rezigni la konkeron de tiu rezista landmaso. Internacia Kultura Servo en Zagrebo jam dissendis sian prospekton pri la fonduso "Esperanto en Afrikon",direktante sian agadon, ne al la teritorio de Afriko, sed unue al Eŭropo. La organizantoj decidis ekagi "nespektakle kaj realisme" per la kolekto de minimume 100 000 guldenoj. Ties interezo, 10 000 guldenoj jare, estis uzota ekde 1983 por ĉiujare instrui Esperanton al dekmembra grupo da studentoj el unu afrika lando, kiuj studas en Eŭropo. Oni planis pagi al ili iliajn vojaĝkaj restadkostojn ĉe kongresoj de UEA kaj TEJO, por ke ili povu perfektigi sian scion de la lingvo. Cetere estis planite eldoni mini-lernolibron en la ĉefa lingvo de la koncerna lando kaj donaci ĝin al la fondita aŭ fondota landa asocio. Mi prognozis centprocentan fiaskon de tiu projekto, ĉar ne estis iu ajn indiko, ke la iniciatintoj sufiĉe profunde esploris ĉiujn aspektojn de la problemplena tasko enkonduki Esperanton en Afrikon. La spertoj de la pasinteco pruvas, ke ne sufiĉas nur instrui Esperanton al afrikanoj ĉu en Eŭropo, ĉu surloke en iliaj propraj landoj. Kiu konas la historion de la disvolviĝo de poresperanta agado en Afriko, memoras ke dum la kolonia periodo, eŭropanoj (instruistoj, administrantoj, teknikistoj, misiistoj k.s.) organizis kursojn kaj fondis grupojn en pluraj landoj. La Esperanta gazetaro fiere raportis pri tiu progreso kaj aperigis bildojn de la esperplenaj lernantoj kune kun ilia entuziasma instruisto. Poste, dum la jardekoj post la dua mondmilito, okazis grandaj politikaj kaj sociaj ŝanĝoj ĉie en Afriko, kaj iom post iom la provizore enoficigitaj eŭropanoj forlasis la kontinenton. Sen tiu eksterlanda apogo kaj gvidado, la burĝonantaj Esperanto-movadetoj ne povis ĝisvivi, do ili rapide forvelkis.

Ankaŭ la ideo instrui Esperanton al afrikanoj restantaj en Eŭropo dum kelkaj jaroj ne estas tute originala. Antaŭ kelkaj jaroj estiĝis en Budapeŝto kurso en la internulejo de TESCO (Internacia Teknika kaj Scienca Kunlaborado), kie loĝas studentoj el Afriko kaj aliaj landoj. En tiu lokalo funkciis ankaŭ Esperanto-klubo,la plej internacia en Hungario kaj supozeble ankaŭ en la tuta Eŭropo. La celo de la instruado estis eduki "apostolojn" de Esperanto,kiuj

reiros al siaj respektivaj landoj por starigi lokajn movadojn. La verda gazetaro en Hungario multe fanfaronadis pri tiu agado, sed ĝis nun mi ne legis pri la fondo de eĉ unu nova Esperanto-grupo fare de eks-TESCO-studento en sia propra lando. Mi konjektas, ke la ĉefa kialo estas, ke tiuj junuloj, reveninte en sian hejmlandon devis tuj okupiĝi pri multe pli gravaj problemoj ol la disvastigo de Esperanto. Tiun vidpunkton mi esprimis en mia ĉi-supre citita artikolo, emfazante, ke Esperanto nuntempe estas lukso por Afriko. Nek konvenas la tempo por la propagando, nek taŭgas la metodoj uzataj ĝis nun, nek estas disponeblaj la "dekoj, por ne diri centoj da propagandistoj, instruistoj kaj organizantoj", kiuj estos bezonataj, kiam venos la oportuna tempo provi konvinki oficialajn instancojn en Afriko, ke ili apogu Esperanton.

Kontribuontoj de po 800 guldenoj al la fonduso "Esperanto en Afrikon" aŭ al iu simila kampanjo, demandu unue, ĉu tiu mono ne finfine trafos en la saman kloakon, en kiun estas ĵetitaj la antaŭe disipitaj guldenoj. Ili demandu ankaŭ, kial la propagandemaj zelotoj en la Esperanto-movado ankoraŭ ne malkovris la veran solvon de la"afrika problemo". Ĝi troviĝas ne en Afriko, sed en Eŭropo. Oni unue oficialigu Esperanton en eŭropaj landoj kaj interŝtataj organizaĵoj, kaj tuj poste Afriko sekvos.

Reviziita kaj ĝisdatigita: aŭgusto 1985

Bernard GOLDEN

PROFESORO DOKTORO IVO LAPENNA 75-JARA, GRATULON!

Rajte pluraj E-organoj kaj gazetoj aperigis informojn kaj notojn pri la jubileulo, iuj kun lia foto. "Esperanto" de UEA skribas, ke kvankam li (laŭ propra decido eksiĝis el ĉiuj funkcioj en UEA en 1974) "... dum la lastaj 10 jaroj restas ekster la ĉefaj fluoj de l' internacia E-movado, prof. Lapenna estas ankoraŭ konsiderata la plej granda organiza figuro en la historio de la movado por la Internacia lingvo". Prof. Lapenna estas konata ankaŭ kiel ĵurnalisto - antaŭ la II-a mondmilito li kunredaktis la organon de jugoslaviaj esperantistoj "La suda stelo". Kiel gvidanto de UEA li turnis atenton al TEĴA kaj speciale al ĝia presorgano.

"I.Ĵ." gratulas profesoron Ivo Lapenna okaze de lia 75 jara jubileo kaj bondeziras sanon kaj plian aktivadon!

# TRADUKO EN E-ĴURNALISMO

(daŭrigo de n-ro 2)

Ĉiu popolo en kurso de sia kultura evoluo kreis trezorojn en formo de proverboj, flugilfrazoj, spritesprimoj, aforismoj, popoldiroj. En tiuj trezoroj estas enŝlosita la magio de "multkomuniko per malmultvortoj". Por la leganto el splitoj de frazoj, aludoj, signalvortoj estas eligataj "kondiĉaj refleksoj" de tutaj plenbildoj.

Jen tia magio de esprimpovo devas gvidi la strebojn de tradukanto kaj ankaŭ de E-ĵurnalisto, kiam li uzas tiun ĝenron de esprimismo. Ada Csiszar kaj Kalman Kaloĉaj faris prezenton de tiaspeca hungara trezoraro en sia "Domfabriko". Tio estas eskvizita beletro-traduka elpaŝo. Kaj similaj prezentoj estas gravaj ankaŭ en aliaj lingvokulturoj.

Ordinaraj artikoloj de E-periodaĵoj estas palaj kaj anemiaj - "kancelariecaj". En ili forestas tiu "salita" frapeco de esprimoj, kiu estas karaktera por samspecaj eldiroj en nacilingvaj periodaĵoj, kie "malrare kaj are" ŝprucas el frazo, libere fontanta popola saĝo.

En laboro de ekposedo de "tradukataj misteroj" tiu kapabla transdonu per diafane klara Esperanto la sagacojn de nacilingvaj perloj estas la unua ŝtupo en ekposedo de bona traduka stilo, viva ĵurnalista lingvaĵo. Multaj esperantistoj ĉasas kaj kolektas en siaj paperujoj similajn "gemojn" de impresa lingvaĵo, kiel vojon de fajnigo, figurigo de la Internacia Lingvo. Kaj, certe, traduko de tiaspecaj "frazoj - verkoj" estas tre grava evolu-itinero de Esperanto. Kaj E-ĵurnalistoj estas la unua taĉmento, kiu tion ekstreme bezonas. Ili ja, kiel ĵurnalistoj ĝenerale, estas majstroj de etaj formoj de beletro. Iliaj verkoj estas mezurataj per linioj per vortoj, ec per pressignoj kaj tre malofte per paĝoj. Do, la spaco, disponigata por kreivo estas forte limigita. Des pli gravas "pafi trafe kaj senmise". Kaj en tiu arto la "idiomeca" lingvaĵo, saturita per perloj kaj trezoroj de popola saĝo, estas ĉiam miriga, haltiga, atentiga kaj, sekve, efika.

Certe, krom tiu unua ŝtupo en tradukarto, estas aliaj, sed mi volas limigi min nur per tiu unua ŝtupo kaj doni kelkajn ekzemplojn por pli precize gravuri en la memoro la gravecon de tiu ŝtupo.

Jen ekzemple pri la vorto, ĝia forto kaj ĝia senpovo. Kiel bele sonas jenaj diroj:

Ne timu tranĉilon, timu babilon. Tempo detruas ŝtonon, korodas feron, sed konservas saĝajn vortojn. Onidiroj najbaraj kiel ondaj maroj.

Pri menso - sperto - okupo.

Matena menso estas pli prospera ol la vespera. Majstra mano - ĉiopova titano. Tajloro tajloron vidas defore. Pro supo oni edziĝas, pro viando edziniĝas. Alies animo - enigmo. Tajlor' - doktor' - kaj trobador'.

Jes, krom la unua ŝtupo, estas ankoraŭ kelkaj sekvaj. Kaj en oportuna okazo ni ankoraŭfoje revenos al tiu temo. Ja ĝenerale la tradukarto estas kruta, doloriga ŝtuparo. Sed nun ni precipe traktas la ĵurnalistan aspekton.

Pri kio do oni devas zorgi? En E-periodaĵoj devas nepre instaliĝi" ia fako aŭ paĝo traduka. Plej efektaj nacilingvaj verkoj (precipe - romanoj) devas esti prezentotaj en iu recenza formo kun rekomendo al posedantoj de la lingvo traduki. Kaj por iuj juveloj de nacia literaturo eĉ necesas organizi tradukan konkurson. Precipe tio rilatas al verkoj de urĝe aktuala socia sonado. Se paroli pri la nuntempa internacia tensio, stimulata de grandpotencaj streboj al mond-domino kaj nukleaj minacoj - do tio koncernas unuavice la verkojn, instigantajn vastajn popolamasojn ekstari kontraŭ la vetarmado kaj militminacoj.

Kaj samtempe tio stimulas pli vastan eldonon de similaj verkoj.

N.DANOVSKIJ

## ESPERANTO EN LITOVA GAZETARO

En 1984 centra respublika kaj loka gazetaro sufiĉe ofte atentis agadon de esperantistoj. Plej multe pri tiu ĉi agado skribis "Vakarines Naujienos" (8-foje), "Komjaunimo tiesa" (5-foje), "Svi esa" (9-foje) - gazeto de la distrikto Jurbarkas, "Tarybinis keli as" (6-foje) - distrikta gazeto de Kedainiai, respublika semajna gazeto "Gimtasis krastas" (4-foje).

"Komjaunimo tiesa" 1985.01.05 publikigis vastan artikolon de P. Jegorovas "Doktoro Esperanto".

Surmura kalendaro por 1985 presis artikoletojn "Esperanto en Litovio" kaj "Esperanto kaj scienco" de P. Jegorovas. Eldonkvanto - 500 000.

El "Horizonto de Soveta Litovio", 8/1985

LA RISKOJ DE LA ĴURNALISTA PROFESIO:
PERSEKUTADOJ KAJ MORTIGOJ

El Londono oni sciigas, ke en Svislando okazis internacia seminario, organizita de la Konstanta komisiono de la Ruĝa kruco en tiu lando, pri la problemoj, ligitaj kun la certeco en la profesia laboro de ĵurnalistoj. En la seminario oni montris maltrankvilajn statistikajn faktojn pri la grandaj riskoj de la ĵurnalista profesia agado. Nur pasintjare estis mortigitaj 23 ĵurnalistoj, 81 - vunditaj kaj 205 - arestitaj dum plenumado de iliaj profesiaj devoj. En la seminario estis konstatite ankaŭ la jenaj abomenaj faktoj: dum la lastaj 20 jaroj en Latinamerikaj landoj estis mortigitaj 210 ĵurnalistoj kaj nur dum 10 jaroj en la Proksima Oriento pereis 98 arabaj ĵurnalistoj. Tiu netolerebla rilato al nia profesia laboro maltrankviligas la honestajn homojn en la mondo kaj ili postulas tujan ĉesigon de la persekutado kaj murdado de ĵurnalistoj.

I.E.

LA NEDEZIRINDAJ ĴURNALISTOJ

Laŭ informoj de informagentejo "Prensa Latina" el San Hose, ne nur la landaj ĵurnalistoj en Salvadoro sed ankaŭ la eksterlandaj reprezentantoj de la gazetaro, radio kaj televido estas konstante persekutataj kaj reprezaliataj far la armeo, la polico kaj la militistaj kaj duonmilitistaj grupoj. La ĵurnalistoj, kiuj sukcesas informiĝi pri skandalaj faktoj de krimaj agoj de la reĝimo de Jose Napoleon Duarte, tuj estas submetataj al minacoj, ĉantaĝoj, reprezalioj. Ofte oni simple pafmortigas ilin surstrate.

Laŭ oficialaj informoj, kiuj plej ofte estas neprecizaj, emfazas la informagentejo, de post 1981 en Salvadoro estas mortigitaj pli ol 20 ĵurnalistoj. Oni serioze supozas, ke en tiu nombro troviĝas ankaŭ la kolombia ĵurnalisto Hanibal Funes (Anibal Funjes), kiu estas deklarita kiel "senspure malaperinta".

Inter la viktimoj: 12 estas salvadoranoj, po 2 - usonanoj, nederlandanoj kaj meksikanoj, 1 franco kaj 1 sudafrikano.

Dum la sama periodo la registaraj organoj arestis 25 ĵurnalistojn. El Salvadoro estis forpelitaj 25 eksterlandaj korespondantoj

kaj kelkaj salvadoraj ĵurnalistoj estis devigitaj forlasi la patrolandon por savi sian vivon.

N.A.

## TRA LA AMASKOMUNIKILOJ

La rilato inter la redakcioj de E-amaskomunikiloj devas esti ĉiam, memkompreneble, kolegiecaj, kunlaboremaj, amikaj. Tiuj rilatoj tamen ne signifas, ke oni preterlasu iujn mankojn, erarojn en la publicitaj materialoj de E-amaskomunikiloj. Feliĉe oni renkontas ankaŭ similajn kritikajn notojn.

Ekzemple "Budapeŝta informilo", en sia n-ro junia 1985, sur p.3,4 sub titolo "Nekomprenebla aplaŭdo" aperigas eĉ memkritikajn notojn de Dr.Haszpra Ottó. "En la n-ro 5/85 de "Hungara vivo" kaj en la n-ro 12/84 de "Budapeŝta informilo" aperis surprize aplaŭdaj recenzoj pri la hungarlingva libro "A világnyelv" (La mondlingvo). Surbaze de la unua ankaŭ revuo "Esperanto" (dec.1984) aperigas aplaŭdan recenzon, rekomendante tradukon de la libro en aliajn lingvojn." Plue la aŭtoro notas, ke la citaĵoj en tiu libro estas praktike arkaiĝintaj, spekulaciaj, naivaj...

En "Brita Esperantisto" (majo -junio 1985) sur p.44, sub titolo "Arboj anstataŭ bovinoj" estas jena teksto: "Pli da manĝaĵo produktiĝas en la mondo hodiaŭ ol iam antaŭe - kaj estas pli da malsatantoj." Sekvas citaĵo "Ĉiun duan sekundon de la jaro mortas infano pro malsato aŭ malsano!" -diris Willy Brandt! La aŭtoro de la artikolo konkludas "... se la nunaj direktiĝoj daŭros, socia malpaco kaj milito nepre rezultos." Ĉu estas necesa komentario pri tiu tradukita el angla lingvo artikolo (de s-ro K.Jannaway)?

En la sama numero de "Brita Esprantisto", p.47 kolego Golden en artikolo pri tradukoj en Esperanton mencias la informon de aŭtoro, kiu ripetis la eraron de PIV( pri la vorto "Masaŝuseco").

## VALORA ELDONAĴO

En "Amikeco" (60a kajero) eldono de la litvaj esperantistoj kaj redaktita de komisiono - N. Danovskij, A.Gonĉarov kaj J.Ojalo (membroj de TEĴA), estas interesaj artikoloj, beletraj kaj poeziaj tradukoj de gravaj rusaj kaj sovetiaj k.a. aŭtoroj, kiel: Lermontov, Jevtuŝenko, Tjutĉev, Majakovskij, Paustovskij k.a. tradukitaj de N.Griŝin, L. Konovalova, J.Ojalo (TEĴA-membroj). Estas ankaŭ originalaj E-kontribuaĵoj de P.Palidova, G. Gazizov, A.Kubulnieks, k.a. En la fino de la interesa 24-paĝa eldonaĵo estas recenzo de nia kunlaboranto J.Ojalo pri la libro de S.N.Kuznecov (pri fundamentaj nocioj de la interlingvistiko). La recenzinto substrekas ke ".. la ennacia uzado de Esperanto dume estas ĝia ĉefa uzadkampo... Nur sur tiu kampo kreskas esperantistoj kapablaj libere uzi la lingvon en internaciaj forumoj. Multaj bonegaj kaj perfektaj esperantistoj eĉ dum sia tuta vivo ne havis bonŝancon renkonti esperantiston-alinacianon!"

Fine kolego Ojalo konkludas juste: "Kontraŭe: kiuj evitas praktikan uzadon de IL en hejma medio, restas ofte nur balbutantoj aŭ nur legantoj de la lingvo.

Iv.Esp.

## ESPERANTO - INTERNACIA LINGVO

Baldaŭ ni solenos la centjaran jubileon de la Internacia Lingvo Esperanto. La Universala Esperanto-Asocio alvokas ĉiujn al tiu grava okazaĵo. Ĉiuj landaj Asocioj partoprenas la laboron, por ke la movado estu sukcesplena ĉiurilate.

El la ankoraŭ ekzistantaj projektoj de planlingvoj sole Esperanto venkis. Jam la iniciatinto L.L.Zamenhof pruvis, ke Esperanto estas ne nur artefarita lingvo, sed ankaŭ vivanta, uzebla por la praktiko. Preskaŭ 100 jaroj pasis kaj ĝi servas kiel pontolingvo por interpretado kaj taŭgas en traduko kaj originala beletra literaturo, en la scienco.

D-ro Zamenhof ligis kun la lingvo certan mondkoncepton (la interna ideo de Esperanto). Ĝi estas laŭenhave la ideoj de la humanismo kaj interpopola amikeco. En liaj verkoj pri homaranismo li parolas pri neŭtrala homa etika regularo, pri homaranismo identeca al la mondpaca movado kaj Mondpaca Esperantista Movado (MEM).

Ni esperantistoj povas esti fieraj, ĉar nia lingvo Esperanto havas en si mem la spiriton de tutmonda paco. Ĝi servas al la internaciismo kaj interkompreniĝo. Ĝi akordiĝas kun la principoj de la Ĉarto de UN, do kun la Universala →

FORPASIS ASEN GRIGOROV

La 22-an de majo 1985 forpasis Asen Grigorov - unu el la plej eminentaj bulgaraj esperantistoj, talenta ĵurnalisto kaj poeto, bonega tradukisto kaj redaktoro. Li majstris la lingvon - tio estas la plej ĝusta vorto. Li estis ekskluzive laborema, posedis enviindan laborkapablon.

En la unuaj postmilitaj jaroj (1945-1947) li redaktis revuon "Internacia Kulturo". Al lia talento de sperta redaktoro kaj al liaj organizaj kapabloj dum unu jardeko (1959-1969) ni ŝuldas la aperadon de "Nuntempa Bulgario" - rekonita kiel unu el la plej bonaj E-revuoj en la mondo.

Dum ĉiuj ĉi jaroj de streĉa ĵurnalista laboro li trovis tempon por traduki, redakti librojn, verki originale. Sub lia redaktado aperis la novelaro "Bulgara Prozo" (1960) , la romano "Mia vivo" de Trifon Ĥristovski ( 1981), multaj broŝuroj. Dum la lastaj jaroj li tradukis la romanojn "Vilaĝo Borovo" de Krum Velkov (1983), "La glacikovrita ponto" de Ljuben Stanev (1984). Li redaktis kaj verkis poeziaĵojn - krono de lia poezia kreado estas la kolekto "Gardu la pacon" (1980).

Krom ĉio ĉi li opiniis sia devo transdoni sian sperton, prepari kadrojn - ĵurnalistajn kaj literaturajn. Elokventa pruvo pri tio estas la 25-jara ekzistado de la gvidita de li Literatura Rondo. Kaj intertempe li faris ankoraŭ multajn, ofte nerimarkeblajn, sed utilajn laborojn - ĉiam treega preciza, postulema al si mem kaj al siaj kunlaborantoj.

Kaj jen nun li kuŝas senviva. La funebra ceremonio - mirinda koincido! - okazis en la tago de la grandaj slavaj klerigantoj Cirilo kaj Metodio - personoj, same kiel li, obseditaj de granda ideo fidele servantaj al ĝi dum tuta sia konscia vivo.

Estimplena kliniĝo antaŭ lia kara memoro!

L.RAEVA

---

(daŭrigo el p. 18)

deklaracio de homaj rajtoj sen distingo de raso, sekso, religio kaj nediskriminaciado. Ĝi respektas la lingvojn. Esperanto estas dua lingvo por ĉiu, nome - la internacia lingvo.

Oskar STOLBERG

# Ricevitaj esperantaĵoj

- Augsburg - la kongresurbo de la 70-a Universala Kongreso de Esperanto 1985 invitas vin - ilustrita faldfolio kun kulturhistoriaj kaj ekonomiaj notoj pri la ĉi-jara kongresurbo. Eldonis - LKK de la 70-a UK, Seitzstr. 14, D-8900 Augsburg, FRG.

- Mia vivo - aŭtobiografia libro de la fama publicisto-esperantisto Trifon Ĥristovski, kvina eldono en bulgara lingvo, Eldonejo "Narodna Mladeĵ"(Popola Junularo), paĝoj 178, Sofio 1984.

- En la koro de Eŭropo - Esperanto en arta kuirejo de ĉeĥaj poetoj kaj prozistoj. Aranĝis kaj komentis Jozef Rumler. Eldonaĵo de Ĉeĥa Esperanto-Asocio. Tre interesa 52-paĝa libreto pri kelkaj famaj aŭtoroj: Komenio, St. K. Neumann, Fr. Kozik, K. Ĉapek, J.Karen, J. Haŝek, J. Fuĉik k.a. Presitaj iliaj verketoj en poezio aŭ prozo. Pozitiva rilato de iuj el la aŭtoroj al la problemo pri internacia lingvo.

# el nia leterkesto

- Nikolaj Griŝin, Ventspils, USSR. - Via letero kun la "Demandilo" ricevita. Via peto pri membreco al TEJA - kontentigita. Vi ricevados "IĴ"!
- Joĉjo Ĝuriĉ, Sl. Brog, Jugoslavio. - Ni ricevis Vian leteron kaj aliĝilon. Sed Via propono pri la Statuto - malakcepti kiel membrojn de TEĴA membrojn de politikaj partioj, estas neakceptebla. Ĉar multaj ĵurnalistoj membras en iu partio, kiuj restos membroj de TEĴA kun sia "esperantista ideologio"?
- N. I. Sigal (Podolskij), Odessa, USSR. - Ni dankas pro la salutoj kaj same salutas Vin kiel honoran prezidanton de odessaj esperantistoj. Bondezirojn pri sano kaj plua feliĉa geedzeco okaze de la 65-a datreveno de Via geedziĝo! La flugfolio, menciita de Vi, perdita.
- D-ro D. Blanke, Berlin, GDR. - Dankon pro Via letero kaj informoj. Bonvolu sciigi kolegon Schulze pri Via propono. Ni volonte konsentas. Pri W. Löch - laŭ Via plaĉo, ni atendas lian foton.
- B. Golden, Veszprem, Hungario. - Vi jam estas membro de TEĴA. La pagmaniero de membro- aŭ abonkotizoj de nemembroj aranĝota. Dankon pro la kontribuado al "IĴ".